# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 20/09/2018 Tricentnaŭdekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj. Klaku ligojn por kapabligi la malfermon*** *(aŭ eble Ctrl+kluku ??)*

**PMEGramatiko** *reta-vortaro* **Freelang Vortaro* **Plena Ilustrita Vortaro*

** Esperanta Retradio** *Google Translate** *Pasintaj eldonoj**

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au





# SEPJARA!

## La Novaĵletero (AE)



## « La Aŭstraliaj Esperantistoj » naskiĝis 20/09/2011.

## Dankon al miaj karaj kontribuantoj Sen vi, AE ne povus ekzisti.








**La originala celo de AE estis krei familion de la Esperantistoj el Aŭstralio kaj Novzelando per la interŝanĝo de fotoj, novaĵoj, informoj inter niaj Esperantistoj kiuj loĝas tre aparte en nia parto de la mondo. La plej multaj el vi ne daŭre sendas la dezirantan novaĵon pri viaj kluboj kaj anoj. Eĉ ne minimuman informon.**





**Do la novaĵletero alimaniere ŝanĝiĝis for de sia originala dezirita formo kaj pro tio, bedaŭrinde, kelkaj forlasis la liston de AE-abonantoj.**
**La enhavo de la Aŭstraliaj Esperantistoj estas via respondeco.**
**Vi povos sendi informon laŭ la originala celo kaj niaj Esperantistoj estiĝos unu familio.**
**Malgrandetaj raportoj estas multe pli bonaj ol nenia raporto.**
**Mi dankas tiujn kiuj nun kaj antaŭe sendas klubinformojn, k.t.p. al mi kaj esperas ke ĉiuj kluboj subtenos AEon estonte.**



生日快乐 Feliĉan revenon de la naskiĝtago al AE-o *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 723,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **387,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **303,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **33.800** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 2 .



La homo do havas vorton por ĉiu parteto de la ĉirkaŭanta mondo, inkluzive de nevideblaĵoj kiaj pensoj kaj imagaĵoj. Tiujn partetojn la homo dividis en kelkajn specojn, kiaj la substantivo, la adjektivo, la verbo, la adverbo, kaj pluraj malpli ofte uzataj specoj. Tiujn specojn ni nomas (gramatikaj) kategorioj. Bonestu memori tiun nomon! Laŭ P.I.V substantivo esprimas personon, estulon, objekton, aŭ ideon. Adjektivo indikas la kvaliton, kaj ĝenerale rilatas al substantivo. Verbo indikas agon aŭ staton, kiun faras en frazo la Subjekto, kiu estas la centro de la frazo, kaj adverbo indikas lokon, tempon, aŭ manieron. En via angla vortaro vi trovos pli detalajn priskribojn de ĉiuj kategorioj. Dum la historio de la homa raso la lingvoj splitiĝis kaj ŝanĝiĝis al pliaj apartaj lingvoj. Tiu ŝanĝiĝado daŭras sed okazas malrapide. *Marcel Leereveld.*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.



La 15a de septembro estis la dua sabato. Venis Roger, Michael, John kaj Eunice. *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Torquay Esperanto-Ekskurso

Dimanĉon la 21an de oktobro. Venu! Vidu AE 384on. Amike *Marumi Smith*



https://www.maitlandriverlights.com.au/

Kontaktu:-Andrew

aspannenberg@iprimus.com.au

aŭ 0422 015 430

Venu! Subtenu Esperanton

amike, *Andrew Spannenberg*






**Saluton kara amiko,**



mi tre dankas al vi pro sendado al mi de la bulteno. Ĝi helpas min plu lerni multajn vortojn.😊 *Devi Damayanti* Indonezia



# Kion mi (Franciska ) pensas pri ci (Marcel)

Kiam mi unue renkontis cin antaŭ pli ol kvarono da jarcento, allogis min tiu ideo cia ke oni ne lernu Esperanton same kiel naciajn lingvojn , imitante tion, kion la nacianoj diras aŭ skribas, sed pripensante ĉu la parolanto, verkisto bone komprenis la sistemon de la lingvo Esperanto . Zamenhof estis sufiĉe klera persono por scii kaj agnoski ke homoj foje eraras .Li estis homo, ankaŭ li povis erari. Pro tio li volis ke oni nomu lin inicianto de la lingvo Esperanto . En la Lingvaj Respondoj li neniam diris al iu ke li / ŝi eraras, nur proponis solvon por eviti la malfacilaĵojn. Mi konsentas kun ci ke ni ne konsideru Zamenhof kiel dion.

Aliflanke mi ne komprenas kial ci diras ke tiu, kiu " NE UZAS LA SUFIKSON "-ATI" POR LA PASIVA VOĈO EN ESPERANTO", ci "trovas ………ne tro inteligenta kaj ke mankas ĉe" li /ŝi "lingvismaj komprenoj; ke tiu, kiu "UZAS LA MONSTRAN SUFIKSON "-I-" POR LANDOJ ANSTATAŬ LA ZAMENHOFA **"- UJ-",** ci "……certe trovas obstina kaj malklera kaj ne havanta respekton por Esperanto kaj por Zamenhof kaj havanta neniom da sento por la bela karaktero de Esperanto. " ktp.

Ĉu ĉiuj ni devas pensi ke ci tute ne povas erari, ke ni devas konsideri cin kiel dion, kvankam ci riproĉas tiun konduton, se temas pri Zamenhof? Eble estas nur ŝerco, intenca troigo?



Mi malfidas konformismon, unuecon de la pensmaniero kaj preferas akcepti ke homoj proponas diversajn solvojn foje allogajn foje ne kontentigajn. Mi donas al mi mem la rajton elekti. Tiel antaŭen iras la mondo : vero hodiaŭ, , eraro morgaŭ .

*Franciska Toubale*



# Malgraŭ elsudpolusaj ventoj floras plantoj sub varma suno en la ĝardenoj.



**MALKLERA EKONOMIO.**

Antaŭ kelkaj semajnoj mi priskribis la psiĥologiajn malavantaĝojn de la devigita uzo de la angla en Eŭropunio, krom la pluraj aliaj problemoj pro la neakcepto ante al Esperanto. Hodiaŭ mi kopias malgrandan parton de studo farita de **Prof.Dro HASZPRA Otto** de Budapeŝto, en kiu li, jam antaŭ la enkonduko de la angla, montras la grandan ekonomian malavantaĝon de tiu enkonduko. La tuta artikolo aperis en "**Scienca Revuo" n.ro 190.**

"Alproprigo de la angla en EU koncernas ĉiujare 1.5%-ojn, t. e. 5 milionoj da personoj el la 340 milionoj de la tuta ne-angla loĝantaro. Ili konsistas ne el samjara generacio, ja estos kiuj scias la lingvon jam en 15-jara aĝo, kaj aliaj kiuj nur en 30-jara aĝo. Ekde la akcepto de la komuna lingvo tiu ritmo 1.5% de la lernado rezultigas, ke post 40 jaroj praktike ĉiuj scios la komunan lingvon – kvankam tiu ritmo kampajnece plirapidigeblas kiel la likvido de analfabetismo en kelkaj landoj en la proksima pasinteco - kaj poste la sama ritmo rezultigas, ke tiu ĝenerala scio kontinue pluvivos.

La necesa jara tempinvesto por lerni la anglan do estas 5.000.000 laborjaroj/jaro, t.e. 5.000.000 da personoj/jaro x 2000 laborhoroj/persono = 10.000.000.000 laborhoroj/jaro en la ne-anglaj landoj kaj samtempe nulo da tempinvesto en la du anglalingvaj landoj. La tuta pagata labortempo de la 340 milionoj da homoj – ĉar nur ties 40-oj faras pagatan laboron – estas 0,4 x 340.000.000 x 2000 = 272.000.000.000 laborhoroj. La 10 miliardoj da horoj investitaj en la lernadon de la angla do ekvivalentas al la tuta pagita laborjaro de iu lando kun 12,5 milionoj da loĝantoj (ĉar (12,5/340) x 272.000.000.000 = 10.000.000.000).

Tio signifas ke la ne-angloj de EU malhavas same tiom da tempo por alproprigi sciencojn kaj fakojn kaj ĝui sportojn , hobiojn, ripozon ktp

Estas inde ankoraŭ mencii ke, se ni konsideras la aktivan tempon de la laborantoj 40 jaroj, unu laborjaro estas ties 2,5%-oj. Do la jara produktiveco de la ne-anglaj landoj malkreskas per 2,5%-oj pro la elfalo de la lingvolernanta generacio. Ĉi tiu 2,5%-a manko tenas la produktivecon kaj konkurenckapablon de la ne-anglaj landoj daŭre sub tiuj de la anglalingvaj landoj, aŭ alimaniere: tiu manko trudas la ne-anglajn landojn malkreskigi la vivnivelon de la laborantoj kaj ties familianoj, por ke la lando restu konkurenckapabla.

Se la komuna lingvo de EU estos Esperanto, estos bezonata ĉiujare unu unujara generacio el la tuta, angla kaj ne-angla, 400-miliona loĝantaro de E.U.

La lernado de Esperanto postulas de kiu ajn individuo averaĝe nur 19%-ojn (= 200 laborhorojn/persono) de la tempobezono por la lernado de la angla (= 2000 laborhoroj /persono) fare de ne-anglo. Do aperas diferenco averaĝe nek en ŝarĝo nek en konkurenckapableco inter anglaj kaj ne-anglaj landoj kaj inter individuoj pro la lernado de la komuna lingvo, se tiu estas Esperanto. "

Kopiita el Scienca Revuo de Marcel Leereveld.

## CERTE DANKINDA!

Se mi helpas iun, kaj tiu, nature, dankas min, mi kutime diras "Ci estas bonvena", kaj neniam "Ne dankinda", ĉar mi ne volas mensogi. Kompreneble ĉiu helpo estas dankinda. Se iu diras al mi, post helpo al mi kaj post mia "Multan dankon", se tiu helpanto diras al mi "Ne dankinda!" mi respondos "Do se la helpo ne estas dankinda, mi devas retropreni mian "Multan dankon!".

*M. L.*

**NE TIMU LA "FUNDAMENTON"!**

Se oni renkontas Esperantan vorton kiun oni neniam antaŭe vidis, oni devas serĉi la signifon. Se ĝi unuavide konsistas el unu radiko oni devas serĉi la signifon en vortaro, kaj tie oni trovas la signifon, kaj samtempe ĉu ĝi estas oficiala vorto aŭ nova vorto, neologismo. Se ĝi ne aperas en la vortaro, ĝi estas AŬ neologismo AŬ kunmetita vorto. Se ĝi estas neologismo, vi penas krei Fundament'ecan ekvivalenton, do kunmeton per oficialaj radikoj, kaj vi uzos tion. Se ĝi jam estas kunmetaĵo, vi penas krei pli ĝustan, se vi povas. Se ne, vi akceptas kaj uzas la renkontitan. Jen tri ekzemploj:

**1)** "Ŝiaj kontraŭaĵoj al mia tezo". Ĉi tie estas ĝusta uzo de la vorto "kontraŭaĵo".
**2)** "Ni ekzamenu la antaŭecojn ĉe la akcidento". Malĝusta uzo de "antaŭecoj" = "antaŭaĵoj.
**3)** "La okaziĝoj estas alarmaj". "Okaziĝoj" devas esti "okazaĵoj".

En miaj verkoj vi renkontas la vorton "tialo", kiun vi neniam antaŭe vidis. Do vi esploras "Kion ĝi signifas?". Nu, ĝi signifas la econ aŭ la aĵon de la ideo "tial", kiu ideo estas respondo al la demando "kial?". Ĝi do devas signifi la klarigon kiun oni donas, la respondon, "tial", kiun oni donas al demando, al la "kial", do al la kialo, la demando. La demando, la "kial?", estas "Kial vi nun manĝas?", kaj la respondo estas "tial" "ĉar mi malsatas", la "tialo". En la angla lingvo "*the therefore*", *the reason*. La tialo do estas "*the reason*", kaj "*the reason*" estas "la tialo".

Nu, en Esperanto ne povas ekzisti du malsamaj vortoj kun la sama signifo. Do se "La tialo" estas "*the reason*", la "kialo" ne povas signifi "*the reason*". Krome la "kialo" estas la "kial?", la demando pri la "*reason*". Do se iu demandas al mi, kiu estas cia kialo, mia demando pri iu tialo, mi respondas" Mia kialo (= kial-demando) estas pri via frua foriro", Normale tamen mi uzus la vorton "demando", sed "demando " povas esti pri io ajn, dum "kialo" estas demando specife pri la "*reason*", pri la tialo, kaj mia"kielo" estas demando specife pri mia vojaĝmaniero, do pri mia "tielo", mia vojaĝo per aŭtobuso. Por la lasta mi povus diri "Kiel vi vojaĝos?". Kaj la respondo estas via tielo, via maniero. Por tielo kaj tieo kaj tiomo k.t.p. ni havas specialajn vortojn: *manner, place, quantity*, k.t.p., sed ne por "tialo", do ni devas ofte uzi tiun vorton. La angla havas specialan vorton, nome "*the reason*", sed ne Esperanto. La vorto "rezono" signifas ion alian. *Marcel Leereveld*.



# Litova Esperanto-Asocio

Litova Esperanto-Asocio invitas partopreni la 55-ajn tradiciajn Baltiajn Esperanto-Tagojn, kiuj okazos la 6-14-an de Julio, 2019 en Litovia urbo Panevėžys. Detalaj informoj estas en la Informa Bulteno de BET-55

http://www.esperanto.lt/board/view.php?id=BET55&page=1&sn1=&divpage=1&sn=off&ss=on&sc=on&select_arrange=headnum&desc=asc&no=16&PHPSESSID=6d6b00f05f8a0c335fbe898066b16b2d

Retejo de BET-55, kie eblas trovi ĉiujn aktualajn informojn, estas http://www.esperanto.lt/board/zboard.php?id=BET55

Reta aliĝilo al BET-55 estas ĉi-tie http://esperanto.lt/aligxilo_BET.html?ckattempt=1

informas *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



**AŬTUNE - AŬtuna TUmulta NEsto 7-a komuna feriado por infanoj, familioj, geavoj de sabato, 27-a de oktobro, 18h ĝis dimanĉo, 4-a de novembro 2018 matene Kursoj, ĥoro *Interkant* kaj aliaj aktivaĵoj, programo por adoleskantoj kaj por infanoj,**

**Klaku => gresillon.org/autune** informis AE-on *Berto Suman*

Bonvenon en la franca Esperanto-kastelo Gresillon en F-49150 Baugé, okcidente de Parizo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby



### Ĉapitro 16 Loĝas en Aŭstralio Kaj mi eklaboras en Adelajdo. Sesa ero

La laborestro ne estis laborestro, sed laborestrino. Ŝi estis virino. Nu kvankam ŝi, kiel ĉefflegistinoj anglaj, kondutis tute malsame al viraj estroj, mi provis toleri ŝin. Sed mia turka amiko ridigis min. La laborestrino kritikis lian laboron, kaj la turko respondis, "ĉu vi, virino, diru al mi, kion mi devas fari ?" Kaj ĉar tio vundis ŝian memestimon, ŝi tuj maldungis lin !

En la tagĵurnalo mi legis, ke oni bezonas gardiston en la universitato. Unu el miaj italaj amikoj veturigis min al la universitato. Mi estis tuj dungata, sed montriĝis, ke la laboro konsistas ne el nura gardado, sed ankaŭ el purigado. Oni fakte dungis multajn purigistinojn, sed ili ne povas fari ĉion, kaj ĉar la gardistoj, laŭ la opinio de la universitatestroj, havas multe da tempo, ĉar ili faras nenion, ili povas helpi pri la purigado. Neniom da ekstra mono pro tio.

Oni sendis min al la universitata kuracisto, kiu ekzamenis min. Li trovis, ke mi suferas pro hernio. Li sendis min malsanulejon, feliĉe ne al la reĝa malsanulejo, ĉar fakte estas neniu reĝo en Adelajdo, la nomo estas erara. La malsanulejo nomatas "*Memorial Hospital*", t.e. malsanulejo memoriga. Kaj mi ankoraŭ memoras ĝin. Ĝi situas tuj apud la tiama "*Children's Hospital*", t.e. malsanulejo por infanoj.

Estis iomete timige en la operaciejo, ĉar oni enpuŝis min tien dum mi ankoraŭ maldormis. Mi povis kuŝi kaj ĉirkaŭrigardi. La operaciejo estis tre malmoderna. Mi sciis jam multon pri tiaj aferoj de mia tempo en la reĝa malsanulejo, ĉu ne ? Mi notis al mi la horon laŭ la murhorloĝo por kalkuli poste kiom longe daŭris la operacio, sed mi ne vekiĝis tie, mi vekiĝis en postoperaciejo, kaj forgesis ĉion pri la daŭro de la operacio.

Do mi restis tie verŝajne unu semajnon. Tiam mi iris hejmen. La ĉefflegistino insistis, ke mi iru hejmen per taksio, kaj eĉ tiam mi mem devis pagi. Kaj mi ne plu loĝis en la bela ladskatolo, sed en domo en Salisbury East. Estas longa taksiveturo, kaj alta prezo.

Mi ne povis labori post la operacio, mi do restis hejme eble du semajnojn, kaj la universitato pagis min. Tio estis bona laboro, ĉu ne.

*Daŭrigota* *BobFelby*






Ankaû prezidanto Doug Eising kunportis interesajn eldonaĵojn el la Esperanto- urbo, Herzberg. Bildo montras multlingvan bonvenigtabulon ĉe la Zamenhof-monumento.

Lastan sabaton membroj prezentis sian porhejman taskon pri sia ĝardeno.




Bildo de orkideo-šatanto, sube *Peter Danzer*







## ? David Gould ?

La Esperanto-komunumo Bona Espero en Brazilo petis min esplori, ĉu estis en Aŭstralio iu David Gould, kiu mortis kaj heredigis multe da mono al Bona Espero. (miaj esploroj indikas, ke temas pri aŭtenta fakto, ne ia fraŭdaĵo).

Nu, demando al viaj legantoj: ĉu iu konis David Gould, kiu probable estis esperantisto, kaj certe estis iom riĉa? Amike, *Trevor Steele*





Reklamu viajn klubkunvenojn Sendu la informon al rspring@tpg.com.au AE atendas viajn raportojn





# Mallonga gvidilo pri -e kun verboj

Sendis Martin Purdy Novzelando

Mi esperas, ke la ĉi-suba principo helpos al tiuj, por kiuj la uzado de la adverba formo -e kun memstara verbo aŭ verba subjekto estas konfuza aŭ neklara kampo de doktrino:

1. **Adjektivo** priskribas **substantivon** (aŭ **pronomon**, aŭ **ekvivalenton** de ĉi tiuj formoj **— tio, tiu**, **ktp**).
2. **Adverbo** priskribas **verbon** aŭ **adjektivon** (aŭ alian adverbon, aŭ propozicion).

Jen simpla klarigo per ekzemploj:

*La domo (substantivo) estas granda (adjektivo).*

*Ĝi (pronomo) estas granda (adjektivo).*

*Mi konstruas grandan (adjektivo) domon (substantivo).*

*La domo estas vere (adverbo) granda (adjektivo).*

*Li kuras (verbo) rapide (adverbo).*

*Li kuras (verbo) tre (adverbo) rapide (adverbo).*

Ambaŭ formoj povas *aperi (verbo) sinsekve (adverbo)* — ekzemple *adverbo/adverbo* aŭ *adverbo/adjektivo*:

*Rapide (adverbo) falanta (adjektivo) akvo (substantivo).*

Laŭ ĉi tiu principo, kiam mankas gramatika subjekto (substantivo aŭ ekvivalento), kaj ni havas nur verbon, tiam ni uzas la adverban formon,

***Estas (verbo) varme (adverbo)***;

kaj se la subjekto mem estas verbo, ni same uzas la adverban formon,

***Kompreni (verbo) ĉi tiun principon estas grave (adverbo).***

**Ĉi tie, necesas forgesi niajn nacilingvajn kutimojn kaj sekvi la internan logikon de Esperanto!**

La verbo povas aperi en longa frazo, kaj la efiko estas la sama:

*Pensi (verbo) en la propra nacia lingvo dum ni parolas en Esperanto estas danĝere (adverbo).*

Antaŭ kelkaj jardekoj vivis tre bonintenca esperantisto, kiu ŝajne neniam bone komprenis la genian sistemon de niaj participoj, kaj ĉiam komparis ilin al germanaj formoj. La rezulto estis komplika kaj tute nenecesa analizo, kiu devojigis multajn uzantojn de klara kompreno pri la maniero uzu ĉi tiujn formojn. Do pri li ni estus povintaj diri:

*Estas (verbo) nedezirinde (adverbo), ke oni volu ŝanĝi nian gramatikon pro nekompreno,*

aŭ, laŭ inversa vortordo,

*Voli (verbo) ŝanĝi nian gramatikon pro nekompreno estas nedezirinde (adverbo).*





# Celebru Pacon kun ni ĉiuj!



Kun niaj fratamikaj Salutoj, *Maria Aparecida da Silva* www bonvolo.com

